# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika" (Ika), de „Mondjunularo Katolika" (Moka), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) kaj de „Blanka kruco" (Internacia misio katolika)




Nummero 3, 1924 | Graz, Aŭstrio | Marto | IV. Kolekto № 1


# La tria milo . . .!

Jen la celo de la 4ª kolekto: 3 miloj da abonintoj!

Eble vi miras, miregas! Tiom modesta! Tiom malmulte da abonintoj, dum oni ofte parolas pri dekmiloj da katolikaj samideanoj! — Kie ili troviĝas? Kie estas la entuziasma fajro, kiu videbliĝas dum paroladoj kaj kunvenoj! Jes, kie . . .?

Ni ne pritraktu longe la kaŭzojn! . . . Ili estas dolorigaj! Ni konstatu nur la faktojn kaj . . . prenu sur nin la konsekvencojn!

Fakto estas, ke multaj samideanoj plej ofereme subtenas la movadon kaj gazeton, kaj eĉ ne laciĝas per malfacila laboro gajni novajn amikojn! Al ili ni dankas el tuta koro! Dio benu ilian agadon!

Fakto estas malfeliĉe, ke granda nombro de aliaj samideanoj pro malzorgo ne plenumas siajn devojn. Ili legas kaj mendas la gazeton, jes! Sed ili ne zorgas pri abonpago kaj per tiu-ĉi hontiga agado (malinda de katolika nomo) ili malutilas la oferemajn kaj diligentajn legantojn; ĉar pro ilia malzorgo la gazeto ne povas tiom amplekse kaj ofte eliri kiom ĝi devus! Estas kompreneble, ke tiu aŭ tiu-ĉi amiko pro malfeliĉa ekonomia situacio ne plu povas pagi gazeton . . . sed multaj centoj . . . kaj eĉ el bonhavaj kaj riĉaj ŝtatoj, kian ekskuzon trovas ili . . .?

Fakto estas, ke rigarde al la modesta amplekso, la enhavo de la gazeto laŭpove estas interesa, aktuala, riĉa, — varia . . .

Fakto estas — kaj ni mem plej bone scias tion — ke koncerne la enhavon kaj amplekson de la gazeto multege mankas ankoraŭ; ke nia idealo, havi vere indan, vere aktualan, almenaŭ dusemajnan gazeton kun ilustrita revuo, ne ankoraŭ realiĝis; ke la internacia informservo ne sufiĉe funkcias, ke la raportoj el la movado oftege mankas . . . ke . . ., ke . . .

Fakto estas tamen, karaj amikoj, ke ne mankas la bona volo, sed precipe mankas mono, mankas tempo, mankas praktika kunhelpo de amikoj . . .

Grandaj kaj gravaj antaŭenpaŝoj prepariĝas. Ni esperas, ke Ika baldaŭ trovos novan hejmon opurtunan. Ni esperas, ke frata unueco de ĉiuj katolikaj samideanoj feliĉe realiĝos.

Ni esperas, ke ĉiuj amikoj estonte ankoraŭ pli agade kunhelpos, varbos novajn abonintojn, sendos precizajn mallongajn raportojn . . .! **La estonto de la gazeto estas tute en la mano de la abonintoj. Ĝi nur povas flori kaj plioftiĝi kaj pligrandiĝi laŭ la moni-loj disponeblaj.** Kuraĝe antaŭen! Dio helpos!

---

## Gravega sciigo al ĉiuj.

**Per ĉi tiu numero komenciĝas la 4ª kolekto, finiĝonta per la kuranta jaro.**

**Por la ĝisnunaj abonintoj la akcepto de tiu-ĉi numero esprimas la daŭrigon de la abono kaj devigas al pago de la koncernlanda abonprezo.**

**Ĉar la malpago de l'abono danĝerigas la estonton de la gazeto kaj malutilas la diligentajn legantojn, ni estonte estas devigataj, publikigi la monojn de malzorgaj kaj nepagemaj abonintoj.**

**Ĉiuj amikoj estas kore petataj, tuj pagi la abonprezon; al la jam pagintaj ni kore dankas.**

**La administracio.**

# Rigardu antaŭen, Eŭropanoj . . .!

(Daŭrigo)

Dum la mondhegemonio de Eŭropo disfalis, nova grupiĝo de la mondfortoj estas klare videbla. Dum la de Wilson proponita ekumena ligo de nacioj malfeliĉe ĝis nun ne forte realiĝis, pluraj grandaj ŝtatligoj kreiĝis aŭ kreiĝas, kiuj nun dividas inter si la mondon.

La tutrusa imperio fakte estas popolligo de plej diversaj nacioj: rusoj, blankrusoj, ukrainoj, georgioj, tartaroj ktp.

La brita mondimperio estas vera popolligo de anglosaksonoj, iroj, egiptoj, hindoj ktp.

Pan-ameriko evoluiĝas al popolligo de anglo-amerikanoj, hispanoj, portugaloj, indianoj . . .

La ĥina ŝtatkonfederacio, kiu enhavas la plej diversajn gentojn kaj naciojn.

Rezulto: La tuta ekstereŭropa mondo preparas per viva sintezo grandegan kuncentrigon de ĉiuj fortoj, dum Eŭropo pli kaj pli dissolviĝas. [illegible]

Ni vidas momente kvin grandajn fortocentrojn: la amerikan, la britan, la rusan, la orientasian, le eŭropan. Ĉiuj plifortiĝas kaj havas fundamentan organizacion, dum Eŭropo sin ruinigas per malamo, perforto, ĵaluzo, avideco . . .

Nur unu racia konsekvenco rezultas el tiu malfeliĉa fakto: popoloj de Eŭropo, unuiĝu vin laŭ la ekzemplo de la aliaj mondpotencoj al harmonia kaj justa kunlaborado!

„La kaŭzo de la eŭropa ruiniĝo estas politika, ne biologa. Eŭropo . . . mortas, ĉar la loĝantoj sin mortigas per la iloj de la moderna tekniko . . .

---

# Mi vendas belajn buksbranĉojn, sinjorinoj!

de Pierre L'Ermite.

Tiamaniere oni lin ellitigis je la tria matene por detranĉi la bukson, ĝin garbigi kaj transporti sur liaj malgrasaj ŝultroj tra Parizo ĝis la pordo de l'preĝejo . . .

. . . Tiamaniere li laŭte kriis milfoje, laŭ la ordono de lia timinda patrino: Buksbranĉoj, Sinjorinoj! . . . mi vendas belajn buksbranĉojn sanktigitajn! . . .

. . . Tial ke, pli li boksis kun alia bubo, unu grandulo, kiu nepre volis lokiĝi sur la unua ŝtupo . . . Unuvorte je la deka, la malgranda Lastek estis fute laca.

Malgraŭ ke li utilis sian kapvoĉon por volvesuperi la bruon de la popolamaso: Buksbranĉoj, sinjorinoj! . . . lia laciĝa gorĝo ne plu donis voĉon. Lia lango estis tute sensaliva kaj precipe, lia malgranda ventro, maldika kiel telero, sonis ĝeneralsignalon. Kiel malproksime ĝi certe estas, de tiu mateno, la panpeco kun fromaĝo, kiun oni donis al li murmurante ĉe la foriro de Gresillons . . .

Cetere la urĝa vendado estis finita . . . kaj li, Lastek, jam estis doninta 31 fr. 75 en la avidajn manojn de lia patrino. — Buksbranĉoj sanktigitaj, Sinjorinoj! . . . vere tute sanktigitaj! . . .

* * *

Tiam Lastek havis ideon!

Li ne plu bone memoris, sed li certe aŭdis rakonti . . . kie . . .? de kiu . . .? Ke ĉe la meso, dimanĉe, kiam la parohestroj estis lomete riĉaj, ili disdonis buterkukojn . . .

Nu ĉi-tie, estis riĉa paroho.

Do la parohestro devus esti riĉa!

Do oni certe disdonos buterkukojn . . .

Buterkuko! . . . Jo orumita! . . . varma! . . . bonodora! . . . kiel tio bonefarus, kien ĝi transirus! . . .

Kaj pensu, ke tio estis eble disdonata ĉi-tie, nuntempe, malantaŭ tiu dika pordo! . . . Sufiĉis, ke li eniris!

Lastek ĉirkaŭe rigardis al la trotuaro . . .

Trans vicaro de almozuloj, li ekvidis sian patrinon, multe okupata decidigi aŭ pliĝustadire ŝteli klientinon.

Estis la tempo! . . . la momento! . . .

Li metis en angulon la buksgarbon kiu restis al li kaj malfermis la pordon . . .

* * *

Komence, li estis tute embarasata.

Tia estas preĝejo . . .?

Ofte li almozpetis aŭ vendis ĉe la pordoj; sed neniam li eniris.

Tamen jes! . . . unufoje . . .? Ho! . . . antaŭ multlonge! . . .

Sed dika halebardisto rapidege lin forjetis sur la trotuaron. Eble li faris bruon sendube! . . .

Li kaplevis . . . Jen la plafono! ĝi estas arkforma kaj tre alta! . . . kaj tiuj tuboj! . . . kaj tiuj koloritaj vitroj! . . . Kaj tiu popolamaso! . . .

Oni kantas! . . . Ho . . .! kie estas do tiuj kiuj kantas . . .? Troviĝas supre . . . troviĝas ankaŭ tie en la fundo . . .?

Tiam li alproksimiĝas . . . ho! mallaŭte . . . havante ĉiam la timon malprecizan pri ebla halebardisto lin kaptinte per la fundo de sia pantaloneto kaj lin ĵetinte sur la trotuaron: „Foriru do, he! malĝentila bubo! . . ."

. . . Nur, se hodiaŭ li min kaptas tie . . . tio restus en lia mano! . . .

Kaj la mizerula knabo palpas, sub sia kitelo, la kvadratan fundon malbone kudritan, kiu eluzis, ankoraŭ tiumatene, sur la polva ŝtono de la ŝtupoj.

* *

Li antaŭeniras . . .

Kaj ĉar oni nenion diras al li . . . li antaŭeniras ankoraŭ . . . Jen li estas malsupre en la navo.

— Nu . . .? Estas en la fundo tri pastroj, kiuj kantas . . . Ili estas vestitaj per kvazaŭ granda ĉemizo blanka . . .? Strange! . . . Ho! he, he! . . . Kia bruego faras la muzikistaro. supre! . . . Kune povus ekkanti centoj da Lastek, neniam ili bruus tiel forte! . . .

— Barab'bam! . . .

— Barabbam . . .? Kiu, tiu, Barabbam . . .?

La tutmonda milito aliigis la politikan landkarton, sed ne la politikan sistemon. Ĉiam ankoraŭ tie regas la internacia anarĥio, la perforto, la milito, la ekonomia dissolviĝo, la politika intrigo . . .

La vizaĝo de Europo sin turnas malantaŭen . . . En la publika diskutado la problemo, kiel naskiĝis la lasta milito, pli multe okupas la homojn ol la demando, kiel eviti la venontan . . ." (R. N. Coudenhove-Kalergi, Pan-Europa, Wien.)

Do, rigardu antaŭen Europanoj al nova, pli bela, pli forta, unuigita Europo . . .

K. Mayr.

(daŭrigota)

## Katolika Agado en Brazilio.

Nova kaj interesa grupiĝo de la agademaj fortoj katolikaj realiĝis lastjare en Brazilio. Antaŭ kelkaj monatoj kreiĝis en Rio de Janeiro Kunfederacio Katolika (Confederaçao Catholica) kun la celo defendi per bonordigata kunlaborado de ĉiuj vivaj fortoj la katolikajn interesojn en la publika, socia, morala scienca kampoj. Laŭ la 9ª artikolo de la statutoj, la Kunfederacio sin dividas en diversaj konstantaj komisionoj, kiuj organizas la necesajn laborojn por la koncernaj agadteritorioj. Do la tuta organiza formo multe similas al centra organizo katolika en Romo, aranĝata laŭ ordono de la nuna Papo, aŭ al la National Catholic Welfare Council en Washington, aŭ al la centra katolika konsilantaro en Praha ktp. Ni preskaŭ en ĉiuj landoj trovas klopodojn seriozajn por kuncentrigi la Katolikajn fortojn.

Antaŭ nelonge, Lia Arĥepiskopa Moŝto Sebastiao Leme puplikigis gravegan libron „Acçao Catholica" (Agado Katolika), kiu donas entuziasmiajn ideojn kaj fortan iniciaton al la kunfederacio.

Unu de la plej gravaj komisionoj estas tiu- ĉi por la katolikaj lernejoj. La leĝdonantaro enlanda multe favoras la „neutralajn", fakte senreligiajn lernejojn, kiuj kreiĝas per eksterlanda liberala influo. Por krei katolikajn lernejojn estos organizata Ligo patriota brasila kaj la 7ª komisiono de la kunfederacio devas pristudi projekton pri normala lernejo katolika.

Alia komisiono pritraktas la malfacilan problemon, kiel regajni virojn kaj virinojn al la viva katolika agado. Kaj la episkopo postulas la kreon de katolikaj religiaj asocioj por viroj kaj virinoj!

La 10ª komisiono sin okupas per la gazetara problemo. Oni precipe alceladas la kreon de katolikaj ĵurnaloj, eldonejoj, bibliotekoj.

La plej grava estas la 11ª komisiono por la sociaj agadoj kaj la laborista problemo. Laŭ la principoj de l'enciklikio „Rerum novarum" oni organizas religian edukadon; apostolaton, laboristajn unuiĝojn religiajn; oni pristudas la protektoradon socian de la laboristoj kaj laboristinoj ktp.

Estas dezirinde, ke el ĉi tiu nova kaj vigla iniciato elkresku belegaj fruktoj por la Dia Regno. Ĉar ankaŭ en tiu- ĉi belega lando, kiel en multaj aliaj, la indiferentismo, la ĝuamo, la egoismo, la senagademo malhelpas multe la praktikan aplikon de la evangeliaj principoj. Nova vivo floru en tiu- ĉi belega lando!

— emo.

## La Sankta Seĝo en internacia politiko.

De prel. dro. A. Gießwein †.

(Daŭrigo)

### Internacia labororganizacio.

Pri tiu temo legis detalan raporton Sro Serrarens el Utrecht. Lia opinio estas, ke en tempo, kiam la ŝtatoj tiom dependas unu de la alia ekonomie, oni vane provas restarigi internacian rajton sen tio, ke oni respektu socian justecon, t. e. ke oni estigu unuecan agadon por rekompenci laboron, ke oni kondamnu premegon de unu klaso sur alia, kaj evitu perfortecon de nedifekteblaj homaj rajtoj per fizika aŭ spirita maljusteco. Jam delonge defendis katolikaj socio-reformantoj la neceson de internacia labor-leĝdono kiel praktika batalilo kontraŭ la malhoma klaso-batalo. Unu el tiuj homoj estis Alfred de Mun. La konsentoj atingitaj de la organizita laboro dum la milito 1914—18 ebligis starigon de internacia labororganizacio ĉe la Ligo de Nacioj laŭ parto XIII. de la Versaille'a kontrakto kun ĉiujaraj konferencoj de la delegitaro de diversaj registaroj, laboristoj kaj mastroj. Ĝi estas ekzekutiva korporacio kaj havas konstantan oficon [kontoron].

### La Sankta Seĝo kaj internacia politiko.

Episkopo Bidwell estis prezidanto dimanĉe, kiam Mgr. A. Gießwein el Budapest, hungara parlamentano, aŭdigis interesegan paroladon: „La Sankta Seĝo en internacia politiko". Mgr. Gießwein diris ke la Ligo de Nacioj devas esti rigardata kiel ilo de justeco; alie ĝi havas nenian kaŭzon por ekzisti. La iama Dr. Russel Wallace priskribis en sia libro „La mirinda jarcento" la agresivan karakteron de modernaj ŝtatoj kiuj, dum ili akcentas sian kristanecon, montras nenion de veraj kristanaj principoj. La malfortiĝo de la katolika pensmaniero kaj agado kaŭzis pereigon de la kristana harmonio, kiu karakterizis la mezepokon. La vera unueco, la Eklezio katolika estis iam paca peranto inter nacioj. Nia Sinjoro diris: „Benitaj estu la paco-farantoj" kaj fari pacon ne signifas nuran rezignacion, sed sincerajn klopodojn por estigi ordon kaj justecon en la mondo.

Koncernante la instruadon de Skta Tomaso de Aquino, Mgr. Gießwein konatigis ankaŭ asertojn de Gratian, Vittoria, Suarez kaj aliaj verkistoj kaj diris ke la elira punkto de la „neo-ŝolastikistoj" ĉe klarigo de la internacia rajto estis la fizika, t. e. antropologia kaj morala unueco de la homaro. Laŭ ilia opinio devus ekzisti komunaj devoj inter la granda kristana unueco por la komuna bonstato kaj rajto inter la nacioj, „jus inter gentes". Ĉiu suverena ŝtato, estante perfekta komuneco en si, estas tamen samtempe parto de la tuta homaro. Estas tiam malfacile, igi la neceson de milito inter kristanaj kaj katolikaj popoloj, ĉar ilia decidiga ilo okaze de internaciaj disputoj estis

**apelacio al la Sankta Seĝo.**

Estas bedaŭrinde, ke oni en katolikaj rondoj forgesis la grandajn meritojn de la „neoŝolastikistoj" rilate la evoluon de moralaj kaj politikaj ideoj. La oratoro citis modernajn nekatolikajn Anglajn kaj alilandajn verkistojn por pruvi la taŭgecon kaj influencon de la Sankta Seĝo okaze de ordigo de internaciaj disputoj. La fama brita politikisto Pitt ekzemple menciis en letero skribita al la episkopo de Aras, ke nur la Papo povas esti la ligilo harmoniiganta la Eŭropajn potencojn, ĉar li sole estas ebla paroli senpartie kaj libere de antaŭjuĝo.

Kondukis la ŝtatojn duspecaj vidpunktoj diris la parolinto-ili unuparte akcentis publike moralecon kaj aliparte ili uzis apartan moralon por la individuoj; tio estis la destruanto de la internacia konsento. La Sankta Apostola Seĝo kaj la persono de la komuna Patro de l'Kristanaro estis jam antaŭ jarcentoj la nura gardeco de leĝaro por moraleco por unuopaj estaĵoj same kiel por ŝtatoj.

Pastro Leslie Walker diris ke laŭ sia opinio ĉiu amiko de la Ligo de Nacioj devus ĝoji, vidante ke la Papo partoprenas — kiel eble — en la klopodoj de la Ligo. Li estas certa, ke tio ege influos la sintenadon de la katolikoj kontraŭ la Ligo.

## Komerca unuiĝo internacia de la katolikaj komercistoj.

La multaj tiucelaj iniciatoj trovis finfine feliĉan solvon. Dum la kongreso en Konstanz pluraj iniciatemaj komercistoj diverslandaj decidis krei internacian oficejon por informo kaj perado de rilatoj inter la katolikaj komercistoj. Tiu ĉi sekretariejo ĝis nun estas sukcese gvidata per Sro J. Brehl, Fulda, Germanio, poŝtfako 224

La celoj de tiu ĉi institucio estas a) perado de komercdelegitoj; b) informdono pri

---

Kaj li memoras pri kanto, kiun li ofte uzas en la senelira strato kun siaj kamaradoj por scii kiu devas fari la „katon".

am . . . sam . . . gram . . .
Pik kaj pik kaj kolegram . . .
Bur kaj bur kaj ratatam.
mustram.

— Barabbam! . . . Tio estas gajiga, tio! . . .

* * *

— Venu, mia etulo! . . .

— mi?

— Jes . . . ci! . . .

Unu sinjorino mildega petas lin geste alproksimiĝi.

— Venu! . . . neniel timu . . .?

— Ho! . . . mi timas la helebardiston . . .

— Li nenion faros al ci, la helebardisto . . . Estas tre bone, mia amiketo, veni ĉeesti la meson . . .

— Okazas, tial ke oni diris al mi ke oni disdonos buterkukojn . . .?

— ne . . . ne hodiaŭ! . . . Estas la palmdimanĉo . . . ci scias . . .?

— Kredeble! . . . mi vendas de ĝi! . . .

— mi aĉetos palmon al ci . . .

— mi kuŝas ĉe la unua ŝtupo! . . . neforgesu! . . .

— mi eĉ aĉetos por ci unu buterkukon post la diservo . . . ci ne ŝajnas dika, mia mizeruleto! . . . kiel ci nomas . . .?

— Lastiko . . . aŭ Lastek . . . kiel oni volas.

— nun, oni ne devas plu babiladi . . . oni devas preĝi! . . .

— Kion vi diras . . .?

— oni devas preĝi . . .

— mi ne scias kio estas tio . . .

— ci tamen konas la bonfarantan dion . . .?

— Ne . . . Ha! jes! . . . kiam patrino koleras, ŝi ofte diras: „malbenita la nomo de . . ."

— Silentu tuj!! . . .

* * *

La sinjorino nigre vestita, subite malĝoja, rigardas la knabon.

Tiel, ĉi tiu mizerula infano konas dion, nur per blasfemo . . . kaj oni estas en Parizo! . . . kaj oni parolas pri la sovaĝuloj! . . .

Sed sovaĝulo komprenas kaj respektas ĉiam, kiam oni diras tiun vorton: „Dio".

Nun la knabo tiras ŝian robon . . .

— Kial la helebardisto havas bajoneton . . .?

Estas neeble respondi. La orgeno, supre, rikanas per notoj akraj . . . Jaj jaj . . . ave! . . . ave! . . . Rex Judaorum! . . . Saluton . . . Saluton . . . Reĝo de la Judoj! . . .

Kial la pastro montras ĉiam la dorson . . .?
Kial oni ne parolas franclingve . . .?

Ĉu ni tuj supreniros en la Keston kiu pendas kontraŭ la kolono . . .?

— Silentu! . . .

— Kial mi devas silenti . . .?

* * *

Tiam la sinjorino revas:

Tiu mizeruleto nenion scias. — tute nenion! . . .

Baldaŭ, kiam ŝi eliros el la preĝejo, ŝi aĉetos al li bukson, ŝi demandos lian loĝejadreson . . . Li certe loĝas en ĉirkaŭurbo. Ŝi iros en tiun-ĉi ĉirkaŭurbon. Ŝi instruos al li la katekismon . . . Ŝi prenos ĉi tiun animon, tiu juvelo por kiu la Kristo mortus . . . Ŝi ĝin liberigos de ĝia ĉirkaŭkrustaĵo . . . Ŝi penetrigos en ĝin la lumon de l'Kredo . . . Ŝi alvokos la benon de dio sur siajn grandajn filojn, prizorgante ĉi tiun etan hompecon . . .

Oblikve ŝi ekzamenas sian neofiton. Kiel li estas kompatinda kun lia ĉaprestaĵo, lia rekudrata ĉemizo, la ŝnureto kiu tenas lian pantalonon! . . . Jam ŝi interesiĝas pri li . . . Ŝi jam sin sentas patrino! . . . Dum tiaj tagoj oni rapide sin memoferas.

Li, li ankaŭ ekzamenas . . . Li aŭdas . . . buterkuko estas forgesata . . . tute! . . . alia pli bona ĝin anstataŭas.

Ĉirkaŭ li, viroj, virinoj, infanoj legas en libroj la rakonton kortuŝantan de la diaj suferoj . . . aliaj, genue ŝajnas enprofundiĝi, humiliĝi en la penso de la nepenetrebla mistero . . .

La etulo etendas la du manojn sur sia preĝbenko . . . Li tuj genuos, li ankaŭ . . . Sed, subite . . . ulan! . . . patatra! . . . bruo de renversitaj seĝoj . . . Dika virino sen ĉapelo, kun antaŭtuko kaj lignoŝuoj, kolereme alkuras, ekkaptas la mizerulan knabon, tiras lian orelon, forpelas lin al la pordo per piedfrapoj.

# La kvara internacia kongreso en Venizo

## Augusto 1924

Laŭ decido de la prezidantaro nia kvara kongreso okazos en Venizo dum la monato de Aŭgusto.

Kun afabla permeso de lia Kardinala Moŝto jam kreiĝis loka prepara komitato sub la direktado de nia altmeritinta amiko profesoro Pizzi, kies sekretariejo troviĝas en Venizo, Campiello Fenize 1924.

La ekzakta dato de la kongreso estos baldaŭege fiksota per la prezidantaro interkonsente kun la loka komitato. Oni proponis la 15an — 21an de aŭgusto, tiel ke amikoj venantaj de la universala en Vieno povus bone partopreni je la kongreso.

La detala programo estos publikigata en la sekvonta numero kiu eliros komence de aprilo. La ĝenerala plano provizora estas jena:

La ĉefa ideo de la kongreso estos la paco kaj la internacia paca agado de la katolikoj, tiel ke la kongreso estos speco de internacia semajno katolika por papa paco. Multaj fakuloj el plej diversaj ŝtatoj jam estas gajnataj kiel raportistoj. Granda publika demonstracio por la paco estas proponata.

Krom tio, kiel dum la plifruaj konkresoj okazos fakkonferencoj, kie internaciaj movadoj kaj tendencoj povas antaŭenpuŝi siajn klopodojn. Ekz. okazos grava konferenco por la katolika gazetaro, por la instruistoj, komercistoj, pastraro, por elmigrado ktp.

Speciala konferenco kaj propaganda manifestado okazos por Esperanto, preparata laŭ iniciato de la itala unuiĝo katolika Esperantista. Estas superflue diri, ke tiu- ĉi aranĝo havas grandegan gravecon. Ĉar dum la kongreso kunvenos precipe internaciemaj personoj. Vidante la praktikan taŭgecon de E° por internaciaj aferoj, ili pli facile estos gajnotaj ol per alia propagando. Ni esperos, ke niaj amikoj, komprenante la situacion agade kunhelpos.

Pri la kotizo, detala dato, programo ktp. raportos la sekvonta numero.

Sinanoncojn jam nun akceptas por ĉiuj landoj la Ika-Oficejo, Graz, Karmeliterplatz 5; por Italio ankaŭ la kongresa sekretariejo.

Mondonacoj por la financa sukceso kaj garantia fundo estas necesegaj! Miloj da svisaj frankoj estas necesaj. Kiu estas la unua helpanto? — Donu tuj!

* * *

Laŭ sciigoj de amikoj el Wien okazos dum la t'universala ankaŭ speciala aranĝo por la katolikaj kongresistoj. Ni esperas, ke ni en estonta numero povu raporti detale. Komuna vojaĝo de Vieno al Venizo estus dezirinda. Kiu partoprenos?

---

kaj por katolikaj firmoj; c) perado de rilatoj inter katolikaj bankoj; d) perado de postenoj por katolikaj komercoficistoj; e) informdono pri komerca stato en diversaj landoj ktp.

Organiza formo: Por plenumi tiujn ĉi taskojn oni starigas en ĉiu lando nacian ĉefdelegiton, kiu havas aron de lokaj kaj fakaj delegitoj.

Gazetaro: Kiel eble plej baldaŭe oni intencas publikigi specialajn gazetojn diverslingvajn. En unua parto oni publikigos fidindajn raportojn pri la komerca vivo en la koncernaj landoj. La dua parto estos por perado de firmoj kaj firmreprezentantoj; la tria servas al perado de postenoj por komercistoj katolikaj.

Kotizo: Firmoj aliĝintaj pagas minimume 0.75 dol (3 g. m.) pomonate; grandaj komercejoj pagu pli altan sumon. Individuaj membroj (komercoficistoj) pagas 0,25 dol (1 g. m.) pomonate.

Servoj donotaj al ĉiuj membroj:

a) senkosta livero de la ĵurnalo eldonota;

b) senkosta perado de reprezentantoj en la tuta mondo.

c) senkostaj informoj pri firmoj kaj raportoj pri la diversaj ŝtatoj.

d) senkosta perado de produklantaj firmoj.

e) prizorgo de diversspecaj aliaj negocaĵoj.

f) komercoficistoj ricevas informojn pri postenoj en eksterlando.

Ĝis la fina realigo de la organizacio kompreneble pasos iom da tempo. Precipe oni devas trovi la necesajn monilojn. Pro tio estas necese, ke oni konatigu la vere katolikajn komercistojn kaj firmojn kun ĉi tiu bonega iniciato. Ĉeflankuloj ne devas ekzisti!

Dum la unuaj ses monatoj oni sukcesis trovi naciajn delegitojn en Australio, Austrio, Ĉeĥoslovakio, Germanio, Nederlando, Italio, Jugoslavio, Polio, Svisio,

Estas superflue akcenti la gravecon de tiu organizo, kiu donos al ĉiu katolika komercisto la eblecon, trovi vere fidindajn kaj bonajn komercajn interrilatojn. K. M.

# „Cäcilia"

### nova entrepreno por plibeligi la diservon per bona muziko.

Salzburg estas kiel hejmurbo de Mozart, plej granda muzikgenio de ĉiuj epokoj, jam mondkonata. Sed ne nur ĉar la principeiskopoj ege favoris la eklezian muzikon, sed ankaŭ pro la muzikemo de la loĝantaro trovis la bela muzikarto en Salzburg daŭran hejmon. Tial estas kompreneble, ke ankaŭ la teknika flanko, la fabrikado de muzikiloj, prezipe violonoj kaj orgenoj, ĉi-tie havas bonegan tradicion en perfektega fabrikado de orgenoj kaj plej lertajn majstrojn.

Pro la mondmilito tamen kaj la posta monsenvaloriĝo tre malfaciliĝis la laborkondiĉoj malgraŭ granda bezono je bonaj orgenoj. — Je tiu tempo finiĝis en Salzburg la pliperfektado de la katedralorgeno, kiu nun kun 100 sonantaj voĉoj (memstaraj registroj) per 4 manualoj estas la plej granda preĝejorgeno de Aŭstrio kaj la muzikprofesoro Vincenz Goller venis de Wien por muzikarta prijuĝado de ĝi. Mirante pri la teknika kapableco de la tieaj orgenkonstruistoj, li proponis interligadon de la aŭstraj orgenfabrikistoj per starigota akcia societo.

Ĉi-tiu estis fondata dum la jaro 1922 de kelkaj katolikaj interesuloj sub la titolo „Cäcilia" kaj sin montris fidinda kaj liverpova dum la unuaj du jaroj de sia laboro. Per novkonstruo de du fabrikejoj en Klosterneuburg kaj Salzburg-Parsch ĝi fariĝis la plej granda kaj plej liverpova orgenfabriko de Aŭstrio. Krudmaterialon, precipe sekan lignon, ĝi havas en granda provizo. La fajfilfandejo funkcias laŭ plej modernaj principoj kaj ĉiuj aliaj partoj por orgeno estas fabrikataj per specialistoj en la propraj fabrikoj. „Cäcilia" nuntempe havas 100 laboristojn kaj povas pojare produkti 800 sonantajn voĉojn. La prezo por sonanta voĉo estas proksimume 7—8 milionoj da aŭstraj kronoj (proks. 100 dol.)

Dum ĉi-tiu jaro oni komencos ankaŭ la produktadon de harmoniumoj (orgenetoj) kaj pianoj. Novan tipon de portebla harmoniumo (Coelefon) oni nun konstruas, uzante aluminion kaj sukcesis kunigi bonsonecon kun malpezeco, fortikecon kaj malkarecon. Ĝi estas plej taŭga helpilo por kantprovoj kaj bona anstataŭilo de orgeno en misiaj regionoj.

Kvankam dum la pasintaj du jaroj la ĉefcelo estis la perfektigo de la fabriko mem, tamen povis krom multaj riparaĵoj, precipe pro la dum la milito forprenitaj stanfajfiloj, ankaŭ esti liverataj je plena kontenteco de la mendintoj ne malmultaj orgenoj, inter kiuj estas menciindaj kelkaj pli grandaj konstruaĵoj. Jam la unua granda, preĝejorgeno kun 29 sonantaj voĉoj por Hertogenbosh en Holando atingis

---

— Ha! hontinda bubo!... Kaj cia bukso!.. Ha! mallaboremulo! Kaj poste, ci trovos la patron!! . . .

* * *

Kaj la kristanino kortuŝe rigardas la knabon, kiun la patrino elpelas, per bato kaj rebato, ĝis la pordo . . . la infanon kiu silentas . . . kiu akceptas . . . tio estas lia vivo! . . .

Kaj ŝi pensas ke, malantaŭ lia vualo, la kristo estas ankoraŭ ploranta . . .

Kaj dum ŝi rapide arigas siajn aĵojn por eliri ŝi ankaŭ, kaj iri defendi la mizeruleton . . . tie, en la fundo de l'sanktejo, la pastro malĝoje kantas: „Pater, ignosce illis . . . Patro, pardonu al ili . . . ĉar ili ne komprenas kion ili agas! . . ."

Max Roub, trad.

# Diversaĵoj el la movado.

Jam delonge ni ŝuldas al la legantaro raportojn pri la movado. Pro troa okupado tio estis neeble. La ensenditaj raportoj plejparte estas tro longaj. La kunlaborantoj pripensu la modestan amplekson de la gazeto! Tial la raportoj sendotaj estu pli oftaj, sed mallongaj, precizaj! . . . Mi rezumas jene:

La porpaca festo dum Kristnasko 1923, iniciata de Don Ernesto Vercesi por memorfesti la elirotagon de l'enciikliko „Ubi arcano Dei" por la unua fojo havis sufiĉe bonan sukceson, almenaŭ en Eŭropo. Mankis iom da tempo por preparo, mankis iom da spertoj; tamen la rezulto estis feliĉa kaj enkuraĝigas al daŭrigo en tiu-ĉi jaro.

Plej solene la festo estis en Milano, kie Sro Komandanto Colombo antaŭ grandegaj popolamasoj feste priparolis la universalan pac-igan taskon de la Eklezio kaj la bonajn meritojn de la nuna Papo.

En Francio okazis, krom la per nia amiko, pro Flajollet en Lille aranĝata festo, du manifestadoj pli grandaj. En Parizo Rev. P. Gerald Ramboux diris la sanktan pacmeson en la ĉefpreĝejo de Montmatre, kie azistis granda nombro de amikoj. Plue la amika rondo de Marc Sangnier festis la memortagon en Bierreville, domego de Marc Sangnier. kie ili ekstarigis grandan krucon kiel signon de paco. Ankaŭ la „Sillon Catholique", direktata per abato Beaugey festis la enciklikon en speciala kunveno.

En Germanio okazis multaj pli malpli grandaj aranĝoj tiucelaj ekz. en München Sro Hanns Sappl sukcese preparis festkunvenon. En Berlino la pacligo katolika germana kunigis la amikojn sub direktado de kaplano Hinz. En Essen kaplano Blum ekprenis la iniciaton. En Beuthen prof. W. Knopf aranĝis grandan publikan manifestadon. En Bruchsal amiko Probst kun geamikoj el la junula movado belege festis la enciklikon . . .

En Ĉeĥoslovakio la amikaro de Praha laŭ iniciato de agadema Sro Frant Buhr aranĝis sukcesan manifestadon. Krom pluraj aliaj aranĝoj en urboj de Silezio kaj Moravio precipe estu menciata la agado de Msro kanoniko Pfeiffer, kiu dum pluraj diverslingvaj predikoj en diversaj urboj disvastigis la ideojn de la papa encikliko.

En Varsovio precipe Sino Chrotovska en la rondoj de katolika virina unuiĝo preparis manifestadojn.

En Rumanio estis precipe niaj senlacaj kunlaborantoj pro Vorbuchner kaj prof. Faragó kiuj en kunvenoj kaj predikoj agadis por festi la enciklikon . . .

Rezume oni povas diri, ke ankaŭ en aliaj landoj, precipe en Anglio, Irlando ktp. la propono trovis bonan akcepton; sed pro diversaj cirkonstancoj la realigo ne ankoraŭ estis ebla.

Koncerne la ĝeneralan evoluon de la movado oni malfacile povas doni detalan bildon per kelkaj linioj. La situacio estas plej diversa en la diversaj landoj. Ĝenerale vigla aktiveco estas konstatebla kaj la ideo de Ika disvastiĝas feliĉe ankaŭ en neueropaj landoj. Lasttempe precipe en Australio (Sydney) kaj Brazilio ni havis esperigajn sukcesojn.

En la interna evoluo oni precipe primeditas la translokigon de Ika-oficejo en pli oportunan urbon: tre grava kaj serioza fakto, kiu precipe estas problemo de mono. Espereble tiu ideo sukcesos feliĉe — — — El la agadkompoj:

La Internacia Asocio de katolikaj instruistoj (Scudos), kiu volas unuigi la geinstristojn ka-

plenan sukceson. Multaj holandaj gazetoj laŭde raportis pri ĝiaj bonegaj kvalitoj. Pro tio „Cäcilia" ricevis la mendojn por la katedralorgeno en Oirschot (Holando) kun 36 sonantaj voĉoj kaj la preĝejorgeno en Nimwegen (Holando) kun 30 s. v. Pluaj mendoj el Holando baldaŭ kontraktiĝos.

Ankaŭ la nova orgeno liverita por Frederico, Danlando, havis plenan sukceson, kaj plaĉis tiom ke oni mendis ĉe „Cäcilia" ankaŭ aliajn preĝejobjektojn. El Danlando jam venis novaj mendoj, ekz. el Nakskov kaj Maribo. Ankaŭ por Hispanujo oni baldaŭ liveros.

Kompreneble je la komenco venis la plej granda parto de la mendoj el Aŭstrio mem kaj estas liveritaj jam 6 mezgrandaj kaj grandaj preĝejorgenoj kaj salonorgeno kun 13 sonantaj voĉoj.

Ĉar „Cäcilia" nun estas teknike jam preskaŭ plenperfekta, oni sendube povas esperi, ke ĝi nun des pli povas kontentigi la mendantaron kaj estonte brile evoluiĝos sub la administrado de la sperta direktoro F. Laval kaj sub la teknika gvidado de la lerta kaj fama orgenkonstruestro Franz Mauracher.

Pri la liverado de orgenoj, kiuj laŭ muzikarta vidpunkto estas nepre senriproĉaj, garantias la nomoj de la artaj inspektoroj: Regna konsilanto profesoro Vinzenz Goller kaj la katedralmuzikestro de Salzburg, F. X. Gruber, kiu estas laŭdata de fakuloj kiel eklezimuzika autoritato, al kies avo ni dankas la mondfaman kristnaskkanton „Paca nokt, sankta nokt' . . ."

C. E.

## Recenzejo

### Internacia literaturo

**Annuaire Pontifical Catholique 1924,** Paris, Bonne Presse, 5 Rue Bayard.

Tiu-ĉi mondkonata jarlibro, kiu estas jam internacie disvastigata pro sia taŭgeco, ne bezonas pluan rekomendon. La plej perfekta adresaro de la tutmonda hierarĥio el ĉiuj landoj; Prezon kaj mendeblecon vidu sub speciala anonco.

**Roczniki Katolickie,** 1923, Poznán Nik. Cieszynki.

La en pola lingvo verkita internacia jarlibro katolika aperas nun en dua eldono. Prof. Cieszynki, tie pritraktas en admirinda maniero multegajn interesajn faktojn kaj agojn el la katolika vivo tutmonda. Por ĉiuj, kiuj komprenas la polan lingvon, tre rekomendinda.

**Ethik,** de Mich. Wittmann, Kösel & Pustet, Kempten, Bavario.

Aktuala scienca libro germana pri natura etiko kompleta sistemo de etiko laŭ katolika vidpunkto.

**Pan-Europa** de R. N. Coudenhove-Kalergi, Wien VI. Gesellschaft für graphische Industrie.

Unu libro, kiu valoras pli ol dekduo da aliaj. Pritraktas la politikan problemon de Eŭropo en vere universala maniero. Ne fantaziaĵo, sed reala propono pri kreo de „Pan-Europo". Certe oni povas kelkfoje havi alian opinion pri tiu aŭ tiu-ĉi temo. Sed entute la libro estas leginda por ĉiu Eŭropano. K. M.

tolikajn ĉiuspecajn (geinstruistojn kaj geprofesorojn) uzas kiel helpa lingvo Esperanton: Jam aperis la ĝenerala statuto en E°. Oni sin anoncu ĉe: Skudos, Firenze, Piazza S. Maria in Campo 1. — — —

Skotismo katolika kaj E° „Esploratore" oficiala organo de itala katolika skolta asocio publikigas artikolon pri E° de Sro Mazzone, delegito de tiu ĉi asocio, per kiu li promesas disvastigadi Esperanton inter la Skoltoj kun la celo plifaciligi la rilatojn inter la diversnaciaj skoltoj. Sro Carpegna, prezidanto de la asocio invitas, aldone al tiu artikolo, la direktantojn pristudi la demandon finante per jenaj vortoj: Kiu scias, ĉu post kelka tempo la Centra Sidejo postulos por siaj internaciaj komisariejo . . . la neŭtralan helplingvon E°n?

Niaj raportoj, precipe el Ĉeĥoslovakio, Germanio, Anglio, ktp. sekvos. K. M.







### Niaj karaj korespondantoj!

Ni petas kore, afranku afable ĉiujn korespondaĵojn por ni per **malofte uzataj** (bonfaraj, aerpoŝtaj k. s.) poŝtmarkoj, kaj aldonu al ĉiu sendaĵo iom da eltranĉitaj markoj de formetita korespondaĵo.

Tiamaniere vi plej facile, sen grava ofero helpos al ni gajni monrimedojn por niaj laboroj. Antaŭe sinceran dankon esprimas al ĉiu helpanta

**Administracio de K. M.**



## Abonprezo de K. M. por 1924

La subaj prezoj valoras por la **novaj** abonontoj por **tutjara** abono, por la ĝisnunaj abonintoj ili valoras por la 4a kolekto, komencanta per tiu-ĉi numero. La mizera financa stato kaj la tro modesta eksteraĵo devigas nin por kelkaj landoj iom plialtigi la prezojn. Se ni komparas, ke la komunista Esperanto-gazeto „Sennacieca Revuo" eliras monate 20 paĝa, ilustrita, kun 12 paĝa aldono, tiu hontiga fakto admonas nin, ke ni finfine faru la devon! Por komparo mi simple aldonas la preztabulon de „Sennacieca Revuo". Mi esperas, ke plimulto de amikoj libervole pagos saman sumon kiel la komunistoj.

### Abono por K. M. kaj Ika-kotizo 1924

| Lando | Jarabono kun R. K. | Ika-kotizo sen K. M. | Ika-kotizo kun K. M. |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . / Aŭstralio . . . | 8 ŝl. | 2 ŝl. | 4 ŝl. |
| Argentino . . | 2 pes. or. | 2 pes. or. | 3 pes. or. |
| Aŭstrio . . . . | 16.000 kr. | 16.000 kr. | 28.000 kr. |
| Belgio . . . . / Luksemburgo . | 8 b. fr. | 5 b. fr. | 10 b. fr. |
| Brazilio . . . | 3 mr. | 2 mr. | 4 mr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 12 č. kr. | 10 č. kr. | 16 č. kr. |
| Danio . . . . | 3 kr. | 2 kr. | 4 kr. |
| Francio . . . | 6 fr. fr. | 5 fr. fr. | 10 fr. fr. |
| Germanio . . | 1·20 o. m. | 1·20 o. m. | 2 o. m. |
| Hispanio . . . | 3 pes. | 3 pes. | 5 pes. |
| Hungario . . . | 1·20 o. kr. | 1·20 o. kr. | 2 o. kr. |
| Italio . . . . . . | 6 l. | 6 l. | 10. l. |
| Jugoslavio . . | 25 din. | 20 din. | 36 din. |
| Litovio . . . . | 4 lid. | 4 lid. | 6 lid. |
| Nederlando . . | 1·50 fl. | 1·50 fl. | 2 fl. |
| Polio . . . . . | 1·20 zl. | 1·20 zl. | 2 zl. |
| Rumanio . . . | 40 lev. | 30 lev. | 50 lev. |
| Svisio . . . . | 3 fr. | 2 fr. | 4 fr. |
| Usono . . . . | —·75 d | —·50 d | 1 d. |

Rimarko. En landoj, kie ne ekzistas ankoraŭ nova ora monbileto (Hungario, Polio ktp.) oni sendu monbiletojn kurantajn laŭ la taga kurzo. Por landoj, kies monvaloroj malplialtiĝos, ni devas plialtigi pli poste la prezojn.

### Komparu la prezojn de la „Sennacieca Revuo".

| Lando | Jarabono sen Aldono | Kotizo sen abono | Kotizo kun abono |
|---|---|---|---|
| Anglio . . . . | 6·30 ŝl. | 2·60 ŝl. | 7·60 ŝl. |
| Aŭstrio . . . . | 37.000 kr. | 15.000 kr. | 45.000 kr. |
| Belgio . . . . | 15 b. fr. | 6 b. fr. | 18 b. fr. |
| Ĉeĥoslovakio . | 24 č. kr. | 16 č. kr. | 30 č. k. |
| Francio . . . . | 12 fr. fr. | 5 fr. fr. | 15 fr. fr. |
| Germanio . . . | 2·50 o. m. | 1 o. m. | 3 o. m. |
| Hispanio . . . | 7·50 pes. | 3 pes. | 9 pes. |
| Italio . . . . . . | 15 l. | 6 l. | 18 l. |
| Jugoslavio . . | 62 din. | 25 din. | 75 din. |
| Rumanio . . . | 100 lev. | 40 lev. | 120 lev. |
| Svisio . . . . | 6·25 fr. | 2·50 fr. | 7·50 fr. |
| Usono . . . . | 1·50 d. | —·60 d. | 1·50 d. |

**Do ne plu demandu, kial Katolika Mondo ne aperas tiom ampleksa kaj tiom ofta! Sed vi iru, kaj faru la samon kiel la laboristoj!**

## Naciaj abonejoj de K. M.

Por faciligi la abonpagon ni sciigas naciajn abonejojn. Abonintoj el nenomitaj ŝtatoj plej bone pagu per enskribita letero al K.M., Graz, Aŭstrio, Karmeliterplatz 5,

### Abonejoj.

**Anglio:** Mr. J. E. Hookham, 45 Holmesdale Road, Hampton Wick, Middlesex.

**Aŭstralio:** Fino Maud Helm, 22 Falconer str., Fitzroy, Melbourne.

**Aŭstrio:** Oni pagu senpere per nia poŝtĉeko; elpetu poŝtpagilojn!

**Belgio:** Fino J. Assenmacher, 50 rue des Minières, Verviers.

**Brazilio kaj tuta Sudameriko:** Sro Conto Fernandez, 225 Larangeiras, Rio de Janeiro.

**Ĉeĥoslovakio:** Oni pagu senpere per niaj poŝtpagiloj aŭ per Sro Fr. Buhr, Praha-Brevnov 257.

**Francio:** Sro Pierre J. A. Muffang, 14 bis avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine (Compte de chèques postaux, Paris 22.482).

**Germanio:** Oni pagu per nia poŝtkonto 30.578, Breslaŭ (Kaspar Mayr, Graz).

**Hispanio:** Prof. Mariano Mojado, Abascal 13, Pral A, Madrid.

**Italio:** Prof. Modesto Carolfi, Cortemaggiore, Piacenza.

**Jugoslavio:** Pro Ambr. Benkovič, Zagreb, pošt. fako 109.

**Litovujo:** Sro Mačernis, Ukmergas plentas 45, Kaŭnas.

**Rumanio:** Esperanto-Centro Rumana, Alea Suter 19, Bucuresti.

**Usono:** Sro A. Vidikovski, 2833 Livingstonestr., Philadelphia.

Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Posedanto kaj Eldonisto: „Ika", Graz, Karmeliterplatz 5. — Responda Redaktoro: Dr. M. J. Metzger, Graz, Karmeliterplatz 5. — Presejo: Paŭlus-Presistejo, Graz.